„Mutig vorwärts!“ „Kuraĝe antaŭen!“

# Aŭstria Esperantisto

## (Österreichischer Esperantist)

Oficiala organo de Aŭstria Esperanto-Delegitaro kaj Esperanto-Delegitaro de Wien.

4a jaro. No. 1 Monata Januaro 1927

Redaktejo kaj administrejo: Korneuburg ĉe Wien, Postfach.

Konto ĉe poŝtŝparkaso aŭstria n-ro D-123.826.

Jarabono (komencebla ĉiumonate): Por aŭstrianoj aŭ. S 4.30, germanlandanoj RM 3.—, alilandanoj sv. fr. 4.—; ponumere: por enlandanoj 40 aŭ. g., eksterl. 50 aŭ. g.

Nicht zeitgerechte Abbestellung unseres Organs verpflichtet zum Weiterbezug.

## Aus aller Welt.

### Stimmen über Esperanto.

Ministerialrat Dr. Fritz Dorninger, Direktor der österreichischen Verkehrswerbungs-Gesellschaft:

Vom Standpunkte des Fremdenverkehres ist die Verbreitung des Esperanto sicherlich zu begrüßen. Sehr oft hält den Ausländer die Unkenntnis der heimischen Sprache vom Besuche unseres Landes zurück. Die Durchführung der Fremdenverkehrspropaganda würde durch den Gebrauch einer internationalen Sprache vereinfacht, die Kosten für die Drucklegung in verschiedenen Sprachen könnten erspart werden. Durch den Umstand, daß die Entwicklung des Esperanto in Österreich ständig fortschreitet, steht zu hoffen, daß die Bewegung selbst bahnbrechend für den österreichischen Fremdenverkehr wirken wird.

---

### Der Prinz von Schweden Esperanto-Anhänger.

Gelegentlich der Hochzeit der Prinzessin Astrid mit dem Prinzen Leopold von Belgien sei daran erinnert, daß dieser Ehrenvorsitzender des Belgischen Esperanto-Bundes ist, während sein junger Schwager Prinz Karl von Schweden soeben in Stockholm seine Esperanto-Prüfung bestanden und das Fähigkeitszeugnis dafür erworben hat.

### Neue Radio-Esperantosendungen.

Dem Beispiele anderer Stationen in Europa folgend, hat soeben auch der Sender von Falun Esperanto in sein Programm aufgenommen. Die erste Sendung, ein Einführungsvortrag, ist am 22. Oktober erfolgt.

Ein neuer Lehrgang wurde gleichfalls von der Station München begonnen, der gleichzeitig von dem Zwischensender Nürnberg weitergegeben wird. Am 9. und 10. August sind von der Station Jock in Nagoja (Japan) zwei japanische Vorträge über Esperanto gesendet worden.

Radio-Genf sendet seit 4. November, Brüssel und Antwerpen ab 15. Jänner (Samstag, ab 21.30) je einen Kurs. Am 9. Oktober hat Novosibirsk in Sibirien seinen ersten Esp.-Vortrag gesendet.

### Die griechische Regierung und Esperanto.

Die griechische Regierung hat die Einführung des Esperanto in die Lehrerseminare genehmigt und Dr. Anakreon Stamatiades, einen alten Vorkämpfer des Esperanto in Griechenland, zum Professor der abzuhaltenden Lehrgänge ernannt (Nr. 60.038/29.10.).

Der Wortlaut der Verordnung ist folgender:

Hellenische Republik
Ministerium für Kultus
und Unterricht
Nr. 57.363

Athen, 28. Oktober 1926.

An die Herren Direktoren der Lehrerseminare „Maraslion“; an die Lehrerseminare f. Elementar-Unterricht; an die Lehrerseminare f. Mittelschulunterricht.

Die Verbreitung der internationalen Welthilfssprache Esperanto ist Ihnen sicherlich bekannt. Fast alle europäischen Staaten haben bereits den Unterricht dieser Sprache, als Pflicht- oder Wahlfach, eingeführt.

In der Annahme, daß sein Studium auch den Neugriechen nützlich sein kann, sei es zu ihrer eigenen Kultur, sei es für die Beziehungen mit anderen Völkern, sind wir damit einverstanden, daß Sie den Unterricht in dieser Sprache überall da genehmigen, wo die Schüler den Wunsch ausdrücken, an Esperantolehrgängen teilzunehmen.

Der Minister: gez. G. Didachos.

### Esperanto an der Universität.

Die Universität von Zagreb hat in ihrer Handelsfakultät einen Lehrstuhl für Esperanto errichtet.

Unter der Schirmherrschaft der Handelskammer hat die Universität von Valencia (Spanien) einen Esperanto-Lehrgang in ihren Lehrplan für fremde Sprachen aufgenommen.

# „Radio—Wien“

De la kursgvidanto Walter Smital.

Pri la influo de Esperanto al la homaro majstro Zamenhof diris:

„Ni konstante ripetadis, ke ni ne deziras nin enmiksi en la internan vivon de la gentoj, sed ni deziras nur krei ligantan ponton inter la gentoj. La devizo de la ideaj Esperantistoj, neniam ĝis nun precize formulita sed ĉiam klare sentata, estas: „Ni deziras krei neŭtralan fundamenton, sur kiu la diversaj homaj gentoj povus pace kaj frate interkomuniĝadi, ne altrudante al si reciproke siajn gentajn apartaĵojn.“ (Parolado en la III. Kongreso, Cambridge, 12. VIII. 1907.)

„... La Esperantismo celas la reciprokan sinkomprenadon kaj konsekvence ankaŭ estimon kaj amon inter ĉiuj gentoj kaj nacioj...“ (P. en Guildhall-London, 21. 8. 1907, post la III. K. en Cambridge.)

„... Ni estas diversgentanoj kaj tamen ni sentas nin kiel samgentanoj, ĉar ni komprenas nin kiel samgentanoj, havante nenian bezonon humiligi aŭ fremdlingve balbutigi unu la alian. Ni esperas, ke dank' al nia laborado pli aŭ malpli frue la tuta mondo similiĝos al ni kaj fariĝos unu granda homa gento konsistanta el diversaj familioj interne apartlingvaj kaj apartmoraj, sed ekstere samlingvaj kaj sammoraj...“ (P. ĉe la VI. K., Washington, 15. VIII. 1910.)

En la sekvonta numero de „A. E.“ estos citataj kelkaj eldiroj de d-ro Zamenhof pri la antaŭvidebla evoluo de la mondhelplingvo, kiuj parte jam pruviĝis ĝustaj. (Daŭrigota.)

Über den Einfluß des Esperanto auf die Menschheit sagte Meister Zamenhof:

„Wir haben unablässig wiederholt, daß wir nicht wünschen, uns in das innere Leben der Völkerschaften (Stämme) einzumischen; sondern wir wünschen bloß, eine verbindende Brücke zwischen den Völkerschaften zu schaffen. Der Leitsatz der ideellen Esperantisten, der bisher niemals genau in Worte gekleidet (formuliert) dagegen (aber) jederzeit (immer) klar gefühlt wurde, lautet (ist): „Wir wünschen eine neutrale (keinem zugehörige) Grundlage zu schaffen, auf der die verschiedenen menschlichen Völker(stämme) friedlich und brüderlich verkehren könnten, ohne einander gegenseitig ihre Stammeseigenheiten aufzudrängen“. (Rede beim III. Kongreß, Cambridge, 12. VIII. 1907.)

„... Der Esperantismus bezweckt das gegenseitige Sichverstehen und folgenotwendig auch Achtung und Liebe unter allen Völkerstämmen und Nationen...“ (R. in der Guildhall — London, 21. VIII. 1907, nach dem III. Kongreß in Cambridge.)

„... Wir sind Zugehörige verschiedener Völkerschaften, und dennoch fühlen wir uns wie Gleichstämmlinge, denn wir verstehen uns wie Gleichstämmlinge, haben(d) keinerlei Bedürfnis, einander zu demütigen oder in einer Fremdsprache stammeln zu heißen (lassen, machen). Wir hoffen, daß dank unserem (anhaltenden) Arbeiten früher oder später die ganze Welt uns ähnlich und ein großes Menschengeschlecht werden wird, das aus verschiedenen Familien besteht, (die) innerlich (nach innen) nach Sprachen und Sitten gesondert, nach außen (äußerlich) hingegen (dagegen, aber) gleichsprachig und von gleichen Sitten (sind)...“ (R. beim Vi. K., Washington, 15. VIII. 1910.)

In der folgenden Nummer von „A. E.“ werden einige Aussprüche Dr. Zamenhofs angeführt werden über die voraussichtliche Entwicklung der Welthilfssprache, die sich teilweise schon (als) richtig erwiesen (bewiesen) haben.

(Wird fortgesetzt.)

## Alvoko al la E.-instruistaro.

Tutmonda asocio de geinstruistoj esp.-istaj (TAGE) esperas grave akceli la E.-movadon per organizado de la E.-instruistoj, E.-apliko en la pedagogia movado, aranĝo de kongresoj kaj eldonado. La komuna bazo estas, apliki E.-on en la batalo por moderna, scienca, pacifisma lernejo kaj plibonigo de ekonomia kaj jura situacio de la instruistaro. Adreso: M. Goldberg, Leipzig, S 3, Klemmstr. 14.

## Internacia Konferenco pri „Paco per lernejo“

okazos en Praha je Pasko 1927. En „La Progreso“ d-ro E. Privat instigas la esp. instruistojn, zorgi por multnombra vizitado flanke de E.-parolantaj fakuloj. Prof. Bovet mem prezidos en E. La planon aprobis d-ro Ed. Beneŝ. — ICK akceptas donacojn por helpi la vojaĝon de malproksime loĝantaj kompetentuloj.

## La Viena Artsocieto, ĝiaj celoj kaj taskoj.

Pentristo prof. Richard Harlfinger, sekr. de Viena Artsocieto.

Por la sama grandioza ideo, kiun antaŭsentis la kreinto de Esperanto, por la ideo nome, reunuigi la je unuopaj popoloj disiĝintan homaron kaj konsciigi ĝin pri ĝia komuna misio, ankaŭ la arto kaj precipe la bildiga estis pioniro kaj vojpretiganto. Ĉar ĝi, kies esprimiloj estas komunaj al ĉiuj popoloj, estas apud la muziko certe tutprecipe destinita, malfermi la pordegojn al la reciproka interkompreniĝo de nacio al nacio. Sed por efektive plenumi en la estonteco ĉi tiun gravan mision necesas, ke la arto fariĝu en pli alta grado ol ĝis nun komuna propraĵo de l'popolo. Vastaj sferoj rilatas al ĝi ankoraŭ malintime kaj senkomprene kaj ĝuste tiu, cetere limigita rondo, kiu ĝis la renversiĝo subtenadis ĝin materie kaj morale, pro la sekvoj de la milito parte entute malaperis, parte malkapabliĝis pluludi sian gravan rolon. Novaj kaj pli vastaj sferoj de la popolo devos anstataŭi ĝin, se la artistoj kaj kun ili la arto ne estu perdontaj tute la fundon, el kiu al ili eblas ĉerpi la forton por sia prospero.

El ĉi tiu ideo ĝerminte estiĝis en la plej nova tempo la „Wiener Kunstgesellschaft“ (Viena Artsocieto), asocio, kiu ampleksas artistojn kaj artamantojn kaj volas pliproksimigi la ambaŭ, por la prosperiga evoluo de la arto egale gravajn grupojn. La Viena Artsocieto deziras fariĝi granda komunumo de artentuziasmaj homoj kaj laŭeble prezenti al ĉiuj tiun vivriĉiĝon, kiu elkreskas el la sinokupado kun la arto. Tial ĝi fiksis kiel eble plej malaltan jarkotizon — Š 1·—! Por tio ĝi ofertas al siaj anoj senpagan vizitadon al ĉiuj de ĝi aranĝataj ekspozicioj kaj kun ili ligitaj gvidadoj kaj paroladoj. Sed ĉi tiuj ekspozicioj havas krome la pluan celon, ebligi ankaŭ al la malpli monhavaj la akiron de artverkoj, ĉar nenio kapablas ekpretigi tiel profundan rilaton al la arto kiel la propra posedo de, kvankam eĉ nur tre modestaj, sed memelektitaj kaj memakiritaj artistaj laboraĵoj. Tial estas en la ekspozicioj de la societo la prezoj nepre moderaj, efektive konformaj al la laboro kaj povas krome esti elspezataj per monataj partopagoj.

Ne longe antaŭ la Kristnaskofesto estis malfermata en „Secession“ de la ligoprezidanto d-ro Hainisch la unua sur ĉi tiu principo bazita ekspozicio de Viena Artsocieto. La multnombra vizitado kaj la ĝojiga aĉetemo de la gastoj plej bone konfirmas la esperojn, kiujn ni havas koncerne la vivoforton kaj vivrajton de nia entrepreno. Por ebligi la vizitadon ankaŭ al la dumtage okupataj, estas la ekspozicio malfermata ĝis la 8-a vespere. Ankaŭ la ĉiutagaj gvidadoj okazos vespere — je duono de la 7-a. Tiam artistoj kaj viroj de artoscienco alternos en la interesanta tasko, peri al la vizitantoj enrigardon en la esencon de la arto, precipe de la arto nuntempa. La materialo de la ekspozicio, kiu, dank al severa juĝantaro ampleksas nur arte altvalorajn, sed tamen al la plej diversaj artodirektoj apartenantajn laboraĵojn, prezentas, ĉefe sekve de la lasta cirkonstanco, speciale karakterizajn ekzemplojn kaj komparobjektojn.

La ekspozicio estis malfermita ĝis la 15-a januaro. Sed jam nun la societo pensas pri tio, sekvigi al ĝi baldaŭ duan aranĝaĵon, kaj krome en konstanta ejo al la artamantoj hejm- kaj eksterlandaj doni okazon, daŭre sekvi la Vienan artverkadon kaj fari valorajn kaj prezkonvenajn aĉetojn. Esp.-igis Franz Zwach.

Represo en alilandaj gazetoj dezirata.

## Konkurso de Esperanto-stenografio.

La trian fojon „Fluganta Skribilo“, gazeto por Esperanto-stenografio, aranĝas inter siaj gelegantoj konkurson, kiu enhavos 6 sekciojn. Multnombraj premioj por la sukcesontoj! La regularo de la konkurso — kun multaj modeloj de stenografaj desegnaĵoj — estos sendata senpage al ĉiu, kiu uzas, lernas aŭ deziras lerni la E.-stenografion. Mendu ĉe P. Flageul, 9, Bd. Voltaire, Issy, Seine.

## Intervjuo kun kapitano Rignot.

La direktoro de „La Movado“ Emile Houbart havis intervjuon kun kapitano Rignot, venkinto de la rekordo de la plej longa distanco sen halto, en aeroplano (Paris—Djask en Persujo; 5400 km).

S-ro Houbart intervjuis la faman kapitanon en la franca Aeroklubo kaj tiu ĉi kelkajn tagojn poste konfirmis per letero la intervjuon.

Jen laŭvorta traduko de la teksto:

„Kiam, foririnte de Paris, oni troviĝas la morgaŭan tagon en Rusujo, aŭ en Persujo; kiam oni alvenas Pekinon post sep tagoj, aŭ Tokion post naŭ tagoj; kiam oni revenas Kalkuton post sep tagoj, — kaj tiuj aeraj vojaĝoj estis plenumitaj ĉi tiun jaron — estas evidente, ke, por interkompreniĝi kun la loĝantoj de la landoj trairataj, necesus paroli dek, dekkvin . . . ĉiujn lingvojn!

„Neebla afero. Sed ĉu ne ekzistas universala lingvo, kiun povas kompreni la Anglo-Sakso, same kiel la Italo, aŭ la Perso, aŭ la Ruso? Tute evidente estas, ke tiu universala lingvo farus plej grandajn servojn al la aviadisto plenumanta longan vojaĝon, devigata komprenigi sin per gestoj, aŭ parolaĉi pli malpli bone — pliĝuste malpli — lingvon, kiun li neplene scias.

„Ju pli grandiĝos la flugkapablo de la aparatoj, des pli kreskos la embaraso de la veturantoj pri la komprenkapablo.

„Mi rekomendas al la aviadistoj, miaj kunfratoj, tutforte helpi — kaj egoista intereso instigas nin al tio — al la disvastigo de Esperanto. Per unu sola lingvo ni povos esti komprenataj de ĉiuj, eĉ en la ĉirkaŭiro de la mondo!“

La saman vesperon kapitano Rignot parolis ĉe la radiostacio de l' P. T. T. pri sia vojaĝo kaj aldonis jenan frazon:

„ . . . Dezirinde estas, ke Esperanto disvastiĝu sufiĉe, por ke dum la grandaj aeraj vojaĝoj oni povu alteriĝi ĉiutage en lando je malsama lingvo, sen embaraso pri la interkompreno.“

Nun la demando pri Esperanto komencas interesi la aviadistojn. Por ili E. certe estas grava helpilo nepre necesa.

## Esperantista respondkupono.

Estas regula plendo de la delegitoj de U. E. A. pri manko de afranko ĉe informpetoj. Tio eĉ rezultis eksiĝon de delegitoj nepovintaj pagi tiun elspezon kaj ne volintaj rifuzi informpeton. La kaŭzo: Neekzisto de praktika kaj simpla pagilo. La internacia poŝta respondkupono havas kelkajn malavantaĝojn: Ne ĝenerala, havebla nur en kelkaj landoj kaj nur en grandaj oficejoj, cirkulado je limigita tempo ktp. Plia malhelpo estas la valuta diferenco ŝanĝanta, kiu malsimpligas la aferon. La ripetitaj plendoj devigis nin, serĉi eblon de praktika servo uzebla de ĉiu esperantisto. La proponon pri kreo de pagilo esperantista, ĉu en formo de ĉeko ĉu de bankbileto, ni pro diversaj cirkonstancoj kaj la faritaj spertoj ankaŭ ĉe la estinta ĉekbanko ne povis sekvi.

Rilate bankbiletojn ni ja posedas du pagilojn de malgranda valoro preskaŭ ĉie riceveblajn: Bileto de unu dolaro aŭ svisa kvinfranko.

Sed por solvi la problemon de simpla kaj praktika pago de malgrandaj sumoj U. E. A. eldonis

### Esperantistan Respondkuponon.

Ĝi validas ne 3 monatojn kiel la ordinara kupono sed 3 jarojn (de 1927 ĝis fino 1929) kaj estas reakceptata de U. E. A. ĝis fino de 1929. Ni aranĝis kajeron, kiu entenas 10 biletojn po 30 centimoj, 6 bilet. po 50 c. kaj 3 po unu franko. La biletoj estas numerigitaj. La kajero kostas kun sendo al la mendanto 10 svis. frankojn. Estas vendata nur tuta kajero, ne unuopaj kuponoj. Ni konsilas al la delegitoj, akiri tutan kajeron kaj disponigi unuopajn respondkuponojn al personoj bezonantaj. La vendoprezo de la unuopaj kuponoj aĉeteblaj ĉe delegito estas 35 c. por 30, 55 por 50 c. kaj fr. 1·10 por tiu de 1 fr.

Estu la esperantista respondkupono nova helpilo por la plifaciligo de la esperantistaj rilatoj kaj trovu la nova servo de U. E. A. ne nur aprobon, sed ankaŭ vastan uzon ĉe la esp. publiko,

forigante de nun plendadon de delegitoj pri manko de afranko aŭ pago.

Hans Jakob, direktoro de U. E. A.

A. E. disponigas unuopajn kuponojn kontraŭ alsendo de la supre menciitaj prezoj plus 15 groŝoj por reafranko

Al la altestiminda prezidanto de Internacia Centra Komitato

**S-RO D-RO EDMOND PRIVAT**

ni esprimas pro la morto de lia patro nian sinceran kondolencon.

## John Bredall,

eminenta brita samideano, mortis subite la 5-an de novembro je gripo kaj estis kremaciita la 11-an en West-Norwood apud London.

Naskita en la jaro 1850a li fariĝis kvazaŭ profesie kosmopolito, ĉar kiel sekretario de „Thomas Cook & Sons“ li travojaĝis preskaŭ la tutan mondon. Tiu cirkonstanco kaj multaj aliaj bonkvalitoj estis la premiso, por fariĝi ankaŭ bona kaj fervora esperantisto, kia li efektive restis ĝis sia lasta spiro. Kiu kongresvizitinto ne memoras la tipan figuron en flavsilka vestaĵo kun neĝblanka barbo, la belaj animoplenaj okuloj kaj la milda rideto de bonemo ĉirkaŭ la lipoj? Kun preskaŭ matematika reguleco li venadis inter la unuaj al nia ĉiujara mondfesto.

Kaj ne nur bona kaj fervora esperantisto, sed unuavice helpema kaj oferema homo li estis, vera filantropo, al kiu precipe la Viena samideanaro ŝuldas multan dankon. Okaze de nia postmilita mizerego li iniciatis grandstilan helpagadon en sia lando, sendinte cirkuleron al 112 Esp.-grupoj, per kio li, krom malegoista helpo el propraj rimedoj, multe atribuis al la mildigo de nia tiutempe ne tre enviinda sorto. Ni profunde riverencas antaŭ la cindro de ĉi tiu nobla viro, al kiu ni volas daŭre konservi pian memoron. — Al la B. E. A. ni esprimas nian sinceran kondolencon.

## La duonuloj.

Ekzistis iam en Greklando tempo de eksternorma naskitriĉeco. Multo da infanoj naskiĝis ĉiutage kaj Juno, la akuŝistino, pro laboro ne sciis kiel helpi. Laca kaj trostreĉita ŝi venis al Jupiter kaj parolis:

„Dudekmil infanoj estas atendotaj; ĉu vi havas provizon je animoj?“

„Iom, sendube,“ rediris la regnestro de Olimpo, „sed por dudekmil hometoj ĝi ne sufiĉos.“

„Por kiom do?“

„Nu — apenaŭ por dekmil.“

„Tio estas ja troege malmulte! Kion, pro Jovis, ni faros nun?“

„Ni donos al ĉiu nur duonan animon; oni devas scii konsilon.“

Baldaŭ poste vagadis dudekmil homoj kun duonanimoj kaj ili estis la plej gajaj en tuta Greklando, tre enviataj pro ilia bonhumoro, pleje de la plenanimuloj.

Trad. Haager-Wien.

## Lingvaj babilaĵoj.

De Friedr. Bock.

5. En la germana lingvo preskaŭ ĉiu adjektivo povas esti substantivigata: Das Gute, das Schöne, das Beste, das Französische ktp. Esperanto ne sekvas tiun modelon, la nombro de substantivigeblaj adjektivoj en ĝi estas tre limigita. Kompreneble mi ne konsideras tie ĉi derivaĵojn, kiel la „riĉulo“ aŭ „la molaĵo“, sed senperajn substantivigojn: la belo, la vero, la utilo. Ĉiu cetere rimarkas certan malsamecon inter „das Wahre“ kaj „die Wahrheit“, „das Nützliche“ kaj „der Nutzen“. Pluaj tre gravaj malfacilaĵoj naskiĝas ĉe komparativoj kaj superlativoj. Kiel esprimi: „das Bessere ist der Feind des Guten“ aŭ „das Beste ist das Wasser?“ Kelkaj maltimemuloj kuraĝas diri: „la pli bono estas malamiko de la bono“, „la plej bono estas la akvo“, komparaciante substantivojn! Estas vere, ke Esperanto posedas rimedojn por venki ankaŭ tiujn ĉi malfacilaĵojn, sed la konvenajn rimedojn povas eltrovi nur lertaj spertuloj. Estus do tre konsilinde, imiti

la germanan metodon de substantivigo de adjektivoj. Komencoj jam estas faritaj, aferas nur ĝeneraligi ilin.

---

Anfragen werden gern beantwortet, aber nur, wenn Rückporto beiliegt.

**AŬSTRIA ESPERANTO-DELEGITARO**

Wien, IV., Schäffergasse 8.

## Al la aŭstria samideanaro!

La ĉefa kunligilo inter E.-grupoj, izoluloj kaj nia organizo, komunikilo de gravaj decidoj kaj lingva edukilo estas nia oficiala organo „Aŭstria Esperantisto".

Pro la konstante kreskanta intereso de la publiko pri nia ideo kaj movado estas tiu organo absolute necesa.

Transirante en la novan jaron, A. E. D. opinias sia devo, denove alvoki ĉiujn esperantistojn de Aŭstrio je energia subteno de „Aŭstria Esperantisto" per abonoj kaj abonigoj.

A. E. D. dankas ĉe tiu okazo al la s-anoj en Graz, kiuj, enkalkulinte jam la abonpagon de A. E. en sian grupkotizon, akiris per tiu deviga abono al A. E. multajn abonantojn.

Aŭstria Esperanto-Delegitaro:
Feder, ĝen. sekr. P. Meŝtan, I. vicprez.
d-ro. Pfeffer, gazetservo.

## Aŭstria Esp.-Delegitaro kaj Aŭstria Esp.-Instituto.

La AED.-direktantarkunsido de la 27-a dec. 1926 decidis la publikigon de jena rezolucio:

„La AED.-direktantaro konstatas, ke la fondota „Aŭstria Esp.-Instituto" (pri kiu raportis s-ro Smital) estas privata entrepreno, por kiu AED. ne estas respondeca."

## Sitzungen der AED. am 20. und 27. Dezember 1926.

Anwesend: Meŝtan, Feder, Bernfeld, Mair, Dr. Pfeffer, Steiner, Klausnitzer, Czech.

Nach Übergabe der Dokumente seitens der früheren Leitung berichtet Gen.-Sekr. Feder über den Einlauf, die Gründung des Vereines „Em. Peltier" in Graz und dessen Anschluß an die AED.

Die sofortige Versendung des Protokolles vom 3. Oktober an alle landestroj ad circulandum wird beschlossen.

Die AED. nimmt Stellung zu den Artikeln im AE. vom Dezember betreffend: a) Esperanto-Institut: Von den vorliegenden zwei Resolutionen wird jene des Dr. Pfeffer (siehe oben) zur Veröffentlichung angenommen; b) Volkszählung: „Dem vom ICK. (Cirk. 17 v. 31. 10.) an die AED. ergangenen Aufruf (veröffentl. i. d. Okt.-Nr. d. ‚Esperanto' u. im ‚Heroldo' v. 22. 10.) ist umgehend zu entsprechen."

Kassier Mair ersucht um eheste Einsendung noch nicht geleisteter Jahresbeiträge seitens einzelner Vereine an Alb Mair, Wien, 16., Hasnerstraße 103.

Notwendige Anschaffungen f. d. Sekretariat (Antrag Bernfeld) werden bewilligt.

Bernfeld berichtet über die „Radio-Esperanto"-Ausstellung (siehe auch betreffende Ank. Seite 7).

Red. Steiner berichtet a) über seine Tätigkeit betreffs Anwendung des Esperanto im internationalen Eisenbahnverkehr, b) über seine erfolgreiche Vorsprache bei Herrn Generaldirektor Hoheisel und Einführung eines Esp.-Kurses bei der Telegraphen- und Postdirektion Wien, c) über seine Propagandatätigkeit bei der Wiener Kunstgesellschaft.

AED.:
Feder, Gen.-Sekr. Meŝtan, 2. Vors.

## 59-a kunsido de E. D. W.

la 8-an de januaro 1927.

1. Fiksis la kotizojn: po 2.— Ŝ. por 1 delegitrajto. (Ĝis 20 membroj = 1, 21—50 = 2, 51—100 = 3, pli ol 100 = 4 del. rajtoj.)

2. Decidis, inviti la 7-an Aŭstrian Esp.-kongreson je pentekosto 1927 al Wien. Oni elektis provizore jenan kongreskomitaton (kompletigotan de la Esp.-grupoj): s-oj Steiner, Feder, d-ro Pfeffer, Taussig, Klein, Postl. S-ro Steiner estas unuanime elektata ties prezidanto.

3. Pri la estiĝo de la „Aŭstria Esp.-Instituto" raportas dir. Feder. Rezolucio en la senco de la ĉi-koncerna deklaro de A. E. D.

E. Werner, sekr. Czech, prez.

---

Achtung Graz! Mitglieder d. Esp.-Vereines f. Steiermark, welche ihren Jahresbeitrag für 1927 bezahlt haben, erhalten den „Aŭstria Esperantisto" umsonst. Für sie ist event. beigelegter Erlagschein gegenstandslos!

# PROPRAJ RAPORTOJ DE „A. E.“

## Ekspozicio Radio-Esperanto.

„Esperanto-Organizo de la Ofic-havantoj de urbo Wien“ aranĝis kune kun „Radiobund d. Angestellten der Stadt Wien“ senpage viziteblan ekspozicion en la ejaro de „Radiobund“, Wien, XII., Rizyg. 5, „Am Fuchsenfeld“, 12. ŝtuparo. Ĉiutage prezentadoj per laŭtparolilo kiel ankaŭ transdisaŭdigo de E.-kursoj kaj paroladoj el hejm- kaj fremdlandoj.

La ekspozicio estas vizitebla senpage ĉiutage de la 10-a ĝis la 20-a en la tempo de l' 20-a dec. 1926 ĝis la 31-a jan.

Tramlinio 62, urbfervojlinio 18 G.

---

**Graz. Esp.-S. p. Stirio** elektis jenan estraron: Hackl, Hallamayer, Rogler, Tumpach, Hainschegg, Dr. Biehler, Mader, Maly, Schöpfer-Voitsberg, Puntigam-Leoben. Nova estraro de la Loka Grupo-Graz: Hallamayer-estro, Oberdorfer-vicestro, Conti-sekr., Schmeisser-anst. sekr., Lossos-kas., Mader-gazetservo, Wallner-konsil. En la ĝen. kunveno (28. X.) oni fiksis la jarkotizon je S. 6.— kaj la membroj ricevas „Aŭstria · Esperantisto“ senpage. (Imitu la aliaj grupoj!) — **S. E. F. A.-grupo** aranĝis kursojn por junuloj (gvid. Hermann), ĝeneralan (gv. Schwarz), por poŝtistoj kaj telegrafistoj (gv. Schwarz).

**Knittelfeld.** Loka grupo de S. E. F. A. po unu kurso por komenc. kaj progr., gvid. la estro inspekt. Santler.

**Krems.** La grupo aranĝis la 4. dec. belan Nikolo-feston. Terceto de s-anoj Kirchhofer, Malat kaj Weninger zorgis por bona amuzo. Krampuso (f-ino Supper) kaj Nikolo (s-ro Widhalm) disdonis donacojn. La 19 dec. posttagmeze okazis Zamenhof-festo.

**Linz.** Komenciĝis du kursoj kun fervojistoj (92 partopren.) gvid. policinspekt. Meisleder. La fervojdirekcio disponigis afable por ĉi tiu kurso la lernejon de la fervojistoj en la stacidomo. (Gratulon!)

**Wien . . . „Aŭstria Pacifista E.-soc.“** aranĝis en sia hejmo belan Zamenhof-vesperon la 16. dec. sub la prez. de s-ano Klausnitzer. Parolis dir. Schamanek, urba kalkulkonsilanto Frey (fondinto de la grupo), prokuristo Schade. Bonega vizito. **„Danubio“** sub la prez. de s-ano Czech okazigis en la klubejo Zamenhof-feston. Festparoladis d-ro Jokl, plie Kons. Rat Mestan kaj Vasta. Prof. de Saussure el Bern, prezidinto de la naŭa kongreso 1912, havis la afablecon ankaŭ paroladi. Deklamis Nebenzahl kaj Strassof. Ĉiuj estis kontentaj pri la bona vizito kaj sukceso de la aranĝo. **E.-grupo de T. U. la „Naturamikoj“:** Generalkunveno la 1. II. je la 20-a kafejo Molkereihof, III., Radetzkystr. 25. Gastoj bonvenotaj! . . . Ekskursprogramo: 23. I. Schneeberg; 30. I. Steinriegl; 6. II. Kahlenberg, Leopoldsberg; 13. II. Mostalpe; 20. II. Schwarzwaldegg. **Privat-Lehranstalt für die Welthilfssprache „Esperanto“** aranĝis en la salonego de katolika popolunuiĝo, VIII., Piaristeng. 43, Zamenhoffeston. La festparoladon faris la lernejestro P. Mestan. Muzik- kaj kantprezentadoj de s-ano Maringer, deklamo de s-ano Griendl kaj fine ovacio antaŭ la bildo de nia kara mortinta majstro igis la bonege vizitatan aranĝon bela festo. **Inĝ. Bernfeld** parolis la 1-an dec. en la knaboburĝlernejo en Wien, XIV., Sechshauserstr. 71 laŭ invito de „Elternverein“ (unuiĝo de la lernantgepatroj) pri „Esperanto, kio ĝi estas kaj kion ĝi intencas“.

---

Bitte den Bezugspreis für „A. E.“ möglichst bald einsenden zu wollen.
Sie ersparen uns dadurch viel Zeit und Mühe.

---

## Rimarkindaj Presaĵoj.

**La urbestro de Zalamea,** dramo en tri aktoj de Calderon de la Barca. El la hispana lingvo tradukis Enrique Legrand, Montevideo. Eldono de la aŭtoro 1925 (ĉu ne pli ĝuste „de la tradukinto?“ Rim. d. rec.). La originalo, aperinta antaŭ 275 jaroj, apartenas al la klasika hispana literaturo kaj estas ne pereebla juvelo ankaŭ de la germana kaj verŝajne de alinaciaj teatraj repertuaroj. Vivas ĉe ni ankoraŭ multaj homoj, kiuj ĝuis en nia Burgteatro la dramon, en kiu la fama aktoro Baumeister kun nesuperebla vervo ludis la rolon de Krespo. Estas do tre salutinda afero, ke ĉi tiu klasika verko eniris en nian Esperanto-literaturon. Estas nur tre bedaŭrinde, ke la tradukinto ne trafis sukcese la poezian formon. Multloke la stilo tiel baraktas, ke la teksto ne estas flue legebla kaj, verŝajne pro akomodiĝo al la blankversoj, multaj frazoj estas ne taŭge dispartigitaj, kelkfoje eĉ ne tute kompreneblaj. En la kadro de mallonga recenzo ne estas eble detale priparoli ĉiujn tiujn partojn, kiuj pro bono de la verko estas korektindaj. Ĉi tie ni volas citi nur kelkajn versojn el la tradukaĵo kaj parele kun ili aldoni ŝanĝproponojn, kiuj memkompreneble ne pretendas senkondiĉan aprobon sed kiuj tamen estus eventuale akcepteblaj aŭ eĉ pliperfektigeblaj. Laŭ deziro de la tradukinto estas ĉi tiu temo plue diskutebla kun la recenzinto.

1. traduko de L.

p. 6. Ne estos tia la unuan fojojn,
Ke laŭ kaprico agas Robelledo.

Soldato I.

Ne estos ankaŭ la unuan fojon
Ke iu mizerul' per sia vivo
Kapricon tian pagas. Kaj danĝera
Ĝi estos pli sub nia nova estro
Don Lope Figueroa, fama kiel
Obstina hom', kruela, senanima,
Kuraĝa samatempe. Oni diras,
Ke li multege ĵuras kaj blasfemas
Kaj scias kontraŭ eĉ amik' intima
Justecon fari sen skrupulo.

Robelledo

Vere?
Mi tamen agos, kiel mi jam diris.

Sold. II.

p. 7. Ĉu estas militisto tiu, kiun
Ni aŭdas?

Rob.

Mi por mi nenion timas.

Robelledo

Per Dio, krono vi de la virinoj!

Soldato II.

Ĝi estas granda vero. Ĉispa vivu!

Robelledo

Du fojojn vivu; sed mil fojojn vivu
Se, por nin distri dum la laciganta
Marŝado supren kaj malsupren, volu
Ŝi kanti ion!

p. 8. Ĉispa

Al afabla peto
Respondu tuj la sono de krakiloj.

p. 12. Kapitano

Al mi ne plaĉis en la tuta vivo
Eĉ por momenta amuzaĵo, tiuj
Rilatoj eĉ kun belaj plebaninoj;
Car, se tre pura kaj vestita bone
Ne estas la virino, al mi ŝajnas,
Ke mi ne povas ami ŝin.

Serĝento

Kontraŭe.
Al mi virino, iu ajn, tre plaĉas.
Ni tien iru, do, kaj mi jam pensas
Amuzi min kun ŝi.

p. 21. Don Mendo

Se la virinoj scius, kiom faras
Pli belaj ilin malestim', kolero
Kaj rigoreco, ili plu neniam
Alian uzus beligilon, krom
Fortege koleriĝi. Vi pli bela
Ol iam nun troviĝas. Mi vin petas,
Daŭrigu viajn plendojn kaj riproĉojn!

2. ŝanĝpropono.

Ne la unuan fojon ja okazas
Ke Robelledo agas laŭ kapric'.

Sold. I.

Kaj ne okazas la unuan fojon
Ke tian la kapricon mizerul'
Per sia vivo pagas. La danĝer'
Eĉ estos plia sub la nova estro,
Don Lope Figueroa, fama kiel
Obstina vir' senkora kaj kruela.
Samtempe tre kuraĝa. Laŭ la dir'
Li ege multe ĵuras kaj blasfemas
Kaj eĉ amikon bonan sen skrupul'
Li traktas laŭ justeco.

Rob. . . .

Ha! Ĉu vere?
Mi tamen faros, kion mi jam diris.

Sold. II.

Ĉu aŭdas militiston mi tiele paroli?

Rob.

Min nenio ektimigas.

Rob.

Je Di, vi estas krono de l' virinoj!

Sold. II.

Tre vera estas tio. Ĉispa vivu!

Rob.

Ŝi vivu; sed milfoje vivu, se
Dum la laciga supren kaj malsupren
Marŝado, por nin distri, ion ŝi
Kantadi volas.

Ĉ.

La afablan peton
Respondu tuj la son' de kastanetoj.

Kap.

Rilat' eĉ al plej bela in' vilaĝa
En mia tuta vivo min ne plaĉis,
Eĉ ne, por min amuzi por momento.
Car ŝajnas al mi, kiam la virino
Ne estas pura kaj vestita bone,
Mi ami ŝin ne povas.

Serĝ.

Tute male,
Al mi virin' tre plaĉas, kia ajn.
Ni iru do; mi pensas, ke tre bone
Kun ŝi mi amuziĝos.

Don M.

Se la virinoj scius, kiom pli
Beligas ilin malŝatad', kolero
Kaj rigorec', neniam ili plu
Alian beligilon uzus, nur
Koleron tre severan. Jen, vi nun
Pli bela estas, ol vi iam estis.
Do plendu plue kaj riproĉu min!

La tradukinto uzas ofte la vorton „plebanino", kiu ĉiam estas anstataŭebla sen tuŝo de la ritmo per „in' vilaĝa", kaj pli ĝuste karakterizas la personon de Izabela. Ĉar „plebo, plebano" (vidu Kabe Enc. vortaro) ne estas sole la popolo vilaĝa sed ĝenerale la „plebs romana", do ankaŭ enurba. Kun la deziro, ke en nova eldono estu la mankoj forigitaj, ni tamen tre varme rekomendas ĉi tiun legindan verkon. Sós.

Rimarko de la redakcio: Konsiderante, ke la fama klasika dramo de Calderon meritas iom pli vastan spacon, ni konsentis presigi ĉi tiun recenzon en sia tuta amplekso.

## El la eldonejoj:

**Brita E.-Asocio-London.**

**Manon Lescaut,** de Abato Prevost, trad. d-ro Vallienne; eld. Brita E.-Asocio; 1926. La mondkonata romano por la aŭstrianoj reaktualiĝis pro prezentado en „Burgtheater"-Wien. La fakto, ke la teksto de la supra traduko estis verkata en la jaro 1908, klarigas kelkajn lingvajn antikvaĵojn.

**Nova Pandoro,** unuakta teatraĵo de F. H. Hanbury, aĉetebla ĉe Brita E.-Asocio prezo 4 pencoj afr. Ĝi traktas la malnovan temon: Interfratiĝo de la nacioj per E. en propaganda formo. Smital-Wien.

**Ellersiek & Borel-Berlin:**

**La Intervidiĝo kaj Nekonita Dialogo** de Alfred de Vigny, trad. Sam. Mayer. N-ro. 26. Rm. —.40.

Pri ĉi tiu volumeto speciale ĝuos ŝatanto de historiaj priskriboj en la bonega traduko de Sam. Meyer, modela E.-verkinto. La teksto estas senpene komprenebla sen uzo de vortarego aŭ eĉ de vortaro. La unua rakonto majstre skizas la francujan reĝon Ludovikon XIII. kaj la mondfaman kardinalon Richelieu, montrante la superegan diplomatecon de la lastnomita. — En la alia skizo Vigny konigas al ni renkonton de papo Pio VII. kaj Napoleono I. en Paris antaŭ la kronigo de l' imperiestro. La karakteroj de ambaŭ potenculoj estas brile cizitaj per malmulto da rimedoj. Samideanoj, etendu viajn manojn ankaŭ al ĉi tiu libreto. Dr. Adolf Halbedl, Graz.

**Sub la neĝo,** taglibro de juna loĝanto de la Jura-montaro de J. J. Porchat. Esp.-igis J. Borel. Esp. Bibl. Int. n-ro 29—31. RM 1.20.

La originalo de ĉi tiu verko estis kronita de la Franca Akademio. Tio jam garantias ĝian valoron. Je tago de Sankta Deniso, la 9. okt., la paŝtistoj reiras kun sia brutaro el la montaroj en siajn vilaĝojn. Nur juna Ludoviko restas kun sia maljuna avo en altmontara kabano, ĉar pro tre altaj neĝamasoj ili ne povas sin liberigi. La tempon de ĉi tiu dumtutvintra kaptiteco, dum kiu ili sin nutras ĉefe per lakto de kun ili restinta kapro „Blankineto", uzas la junulo por skribi sian taglibron. En tiu li notas la ĉiutagajn travivaĵojn kaj la interparolojn kun la avo, pia vilaĝano. La edukaj vortoj de la maljunulo, laŭ kiuj ĉio en la vivo dependas de volo de la providenco, forigas la timon kaj ĉagrenon de la juna knabo kaj konsolas lin en la malagrabla kaj eĉ danĝera situacio. La avo mortas. La knabo mem devas lin enterigi kaj li restas tute sola, jam preskaŭ malesperа. kiam fine venas el la villaĝo la patro kun aliaj viroj kaj savas lin. La libro estas dediĉita de la poeto al „junaj amikoj". Sed ankaŭ maturaj homoj povas ĝin legi kaj el ĝi lerni. La traduko estas tre bona. Mi nur dezirus, ke en nova eldono estu forigitaj la ofte superflue uzata sufikso „ec" kaj kelkaj ne tute ĝuste uzataj akuzativoj. Sós.

**Heroldo de Esperanto-Horrem:**

**Oni Ridas.** De Otto Rieck. Rekomendita de E. L. A. Reviziita de Zanoni. 1922. En 68 paĝa broŝureto kompilitaj 161 anekdotoj kaj spritaĵoj, dediĉitaj de la aŭtoro, por ke ili „liberigu niajn samideanojn de zorgoj almenaŭ dum kelkaj horoj". Multaj el ili jam estas certe konataj, tamen oni legu ilin pro la bona esperanta stilo, kaj sendube oni sin ankaŭ ofte bone amuzos.

**Malriĉa en spirito.** Originala teatraĵo en du aktoj kaj unu interakto. De H. J. Bulthuis. Reviziita de Zanoni. 1923. Nia konata verkisto de originalaj esp. romanoj prezentas al ni en ĉi tiu mallonga drameto interesan bildon el la tempo de la „Granda armeo" napoleona. La familia sceno en la unua akto kaj speciale tiu en la interakto estas tre bone skizita kaj taŭga materio por bonaj aktoroj. La dua akto estas iom mistera solvo de la drama ago. Tamen tre leginda kaj ĉefe prezentinda teatraĵo. La esp. stilo estas perfekta. Nur post „kvazaŭ" ni dezirus trovi ĉiam kondiĉan verbformon. Sós.

**Hirt & Sohn-Leipzig:**

**Antaŭsciigo.** „Schamanek-Streidt. E.-stenografio" kaj „Wüster, Zamenhof-Radikaro" aperos meze de marto resp. komence de aprilo.

**Maschinentechnisches Esp.-Wörterbuch** der Grundbegriffe de Eugen Wüster; deutsche Ausgabe 1923.

Ĉi tiu „Maŝinfaka vortaro prielementa", kies germana parto eliris la unua. certe ĝojigos la koron de ĉiu esp.-teknikisto. Sed ankaŭ por ĉiuj aliaj legantoj de E.-gazeto ĝi estas necesa kaj tre praktika helpilo. La uzado de referencaj nombroj apud la dualfabete ordigitaj esprimoj permesis prezenti surprize grandan nombron da fakesprimoj sur 89 paĝoj. Ni esperu, ke baldaŭ sekvu la alilingvaj partoj.

**Hermano kaj Doroteo,** eposo idilia de J. W. v. Goethe, el la germ. orig. trad. Benno Küster, 2a eld.: 1922; 77 pĝ.; prezo: —

Kiam antaŭ kvar jaroj aperis ĉi tiu traduko kiel unua volumo de „Intern. Mond-Literaturo" ĉe Hirt, multaj germanoj ridetis. „Kion promesas biblioteko komenciĝanta per verko, kiun malmultaj samnacianoj nur legas plu,

ĉar ĝia stilo estas konsiderata antikviĝinta. Malbona reklamo." Tiel supraĵe ili pensis tiam kaj — — bedaŭrinde ankoraŭ nun multaj pensas tiel kaj tial perlo restis ne sufiĉe ŝatata. Intertempe la kolekto ja montriĝis unika trezorejo da nur valoregaj verkoj. Sed la legantaro pro scivolo preferas la novaperaĵojn kaj forgesas iamaĵojn ne malpli valorajn. Tial mi propravole atentigas hodiaŭ pri tiu volumo. Hieraŭ vespere mi laciĝinte eklegis ĝin hazarde — kontraŭ mia kutimo: en la unua triono. Mi komencis de la komenco, elprenis el mia biblioteko la originalon (kiam mi alie estus farinta tion!) kaj ĝuegante legadis ĝis la tria horo nokte!! Refreŝigite mi enlitiĝis min. Tiel efikas la „nemoderniĝinta" idilio de „Goethe matura" al homo moderna, de laborado lacigita — en Esperanto traduko.

Ĉu vi memoras, samnacianoj, la bildojn intimajn, pentritajn per larĝa peniko: la ĥaoson de elforpelitoj, kiuj interpremiĝas sur la ŝoseo en nuboj da polvo: la fortan junulon sidantan sur benko sub maljunega pirarbo, al kiu surprize alglitas lia patrino, kiam larmojn sekretajn li ploras; aŭ la ekĝermon de plej delikata amego, kiam sub stelplena ĉielo knabino faletas sur krutvojo nekonata kaj li ŝin nevole tenas subite ĉebruste; ĉu vi memoras la nekompareblan sentrudan montradon de la nacia karaktero germana en ĉiuj figuroj, la amoplenan pentradon de ĉiuj intimaj belaĵoj hejmlandaj? Esploru nur, kiom freŝe brilas ĉi malnovaj koloroj en la internacilingva reprodukto kaj vi komprenos, kial mi ne povis forŝiri min de la kara libreto.

Walter Smital-Wien.

**Rud. Mosse-Berlin:**

**Norda vento.** Frederiko Karinthy (novelkolekto). El la hungara tradukis Karlo Bodo. Bibl. Tutm. 7–8. 95 pĝ.

Krom la novelo, donanta la titolon, la libro enhavas ankoraŭ 13 aliajn, kelkajn tre strangajn novelojn (?), kiuj eble en hungara lingvo efikas, sed per la traduko perdas, kvankam la tradukinto en siaj rimarkoj diras: „La moderna tradukarto ne plu kontentiĝas pri la interpreto de la senco, ĝi volas prezenti ankaŭ aromon kaj koloron, ĉiujn nuancojn, ĉiujn apartaĵojn, tamen konservi ankaŭ la plenan Esperantecon de la lingvo; ĉi tio estis ankaŭ mia klopodo. Se kelkfoje la frazoj ŝajnas tro komplikaj, ili estas intence tiaj, tio apartenas ĝuste al ilia efekto. Mi ne volis simpligi, nek klarigi, sole interpreti, sed tion — plene." Tiu ĉi pleneco devigis lin al la uzo de multaj (62) neoficialaj vortoj, kiuj, kvankam je la fino alfabete ordigitaj kaj klarigitaj ne agrabligas la legadon certe al ĉiu nehungaro. Se ĉiu tradukinto enkondukus tiom da novaj vortoj, Esperanto baldaŭ fariĝus la plej malfacila lingvo.

Schamanek-Tullnerbach.

**Sennacieca Asocio Tutm.-Paris.**

**Etiko I. de Kropatkin.** La traduko de la verko de la fama rusa filozofo estas unu de la plej gravaj verkoj, kiaj necesas por Esperanto, movado esence etika. Ne estas necese, paroli pri la mondfama verko, kiun ĉiu progresema homo konu. La etiko de Kropatkin estas socialisma. Koncerne la tradukon ni danku kaj gratulu al la eldonantoj. La stilo estas bona, malgraŭ la ofte longaj frazoj kaj multaj lingvaj novaĵoj, kiuj estas klarigataj en aparta listo.

R. Ĉech-Wien.

**L. Jun. Ruĝo kaj Blanko,** noveloj kaj rakontoj originale en Esperanto verkitaj. N-ro 3.

La libreto prezentas rakontojn el la tempoj de kaj post la rusa revolucio interesajn por ĉiu socialisto. La stilo estas moderne konciza. Inter la lingvaj novaĵoj (kutimaj ĉe SAT) plej frapas la leganton la ne ĉiam pravigebla uzo de adjektivoj kaj substantivoj en formo verba: „friponi, senmovi, trovebli" k. s. — Preseraroj preskaŭ ne „troveblas". E. Werner, Wien.

---

**Solvo de la ciferenigmo en la antaŭa numero.**

| | | | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1, | 2, | 3, | 4, | 5, | 6, | 7, | 8, | 9, | 10, | 11, | 12, | 13, | 14, |
| a | b | c | d | e | g | i | j | k | l | m | n | o | p |

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| 15, | 16, | 17, | 18, | 19. |
| r | s | t | u | z |

1. reptilio,
2. „Abismoj",
3. onklino,
4. ulmo,
5. agonio
6. azeno,
7. eterneco,
8. ondorompilo.

Rezulto: **Reabonu la gazeton!**

---

## Kie oni renkontas E.-istojn?

**Graz.**

Esp.-Verein für Steiermark, Geschäftsstelle (oficejo) Radetzkystr. 6/III, Vereinsheim (kunvenejo) „Pastete", Sporgasse 28, Do (ĵ) 20–23 h.

**Innsbruck.**

Arbeiter-Esp.-Klub (Laborista klubo), Südtiroler Platz, Hotel Sonne, Do (ĵ) 20–22 h.

Esperanto-Klub, Gasthof „Goldener Greif", bei der Triumphpforte, Mi (me) 20–22 h.

**Wien.**

Aŭstria Katolika Ligo Esperantista, I., Freyung 6 (Pfarrkanzlei), Mi (me) 17–19 h.

I. Wiener Esp.-Verein, I., Schellinggasse 7, Schellinghof, Fr. (v) 19·30 h.

Aŭstria Pacifista Esp.-Societo, III., Henslergasse 3, Hochparterre; Do (ĵ), 19–21 h.

Esp.-Verein der städt. Angestellten Wiens, IV., Schäffergasse 3, Di (m) 17–19 h.

„Konkordo", V., Margaretenplatz 4 (Terrassencafé), Do (ĵ) 19–22 h.

Esp. laboristaro kristana de Aŭstrio, VI., Gumpendorferstraße 39. Do (ĵ); XII., Tivoligasse 38. Mo (l); XV., Beingasse 22. Mi (me); XVI., Rückertgasse 9. F (v) ĉiam je la 19 h.
Esp.-societo. „Danubio", VII., Neubaugasse 25, Café Elsahof. Mo (l) 19—23 h.
Esperanto Bücherstelle d. Freien Esp. Arbeitsgemeinschaft. VII., Lerchenfelderstr. 23; Auskünfte (informoj): Täglich 18—19·30 h.
Esp.-Bildungsverein „Supren", VII., Kaiserstraße 121, Café. Fr (v) 18—21 h.
Bohema Klubo Esperantista. XV., Turnerg. 9. I. et., Narodni dum, Mi (me) 20 h.
Esp.-societo „Fideleco", Währinger Bürgercafé, XVIII., Staudg. 1. Di (m) 16—19 h.
Esp.-soc. „Kulturo", XVIII., Kreuzgasse 34, Café Hildebrand. Di (m) 19·30 h.

## Rekomendindaj firmoj.

E. signifas, ke oni parolas E.-on.

**Graz.**

Café = kafejo:
„Post", I. Haring, Neutorgasse.

**Korneuburg.**

Bäckerei = bakejo:
Karl Luegmayer (E), Albrechtstraße 3.

**Wien.**

Zuckerwaren = sukeraĵisto:
Franz Prohaska, XII., Premlechnergasse 21.

V. b. b.



Posedanto, administranto, eldonanto kaj respondeca redaktoro Hugo Steiner, Bisamberg 248.
Presejo: Gesellschafts-Buchdruckerei Brüder Hollinek, Wien III, Steingasse 25.